6a JARO. NOVEMBRO 1913. 1a No (61)

# BELGA ESPERANTISTO


MONATA REVUO


*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Administracia parto : |
| --- | --- |
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion, kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion, al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*
*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# Babilado

Komencante la sesan jaron de nia *Belga Esperantisto,* ni devas kore danki niajn samideanojn, kiuj dum la daŭro de nia viveto helpis nin abonante, legante, korespondante kaj anoncante en nia ĵurnalo. Niaflanke ni faros dum la sekvo ĉion eblan por ke nia revuo iĝu pli kaj pli interesa. Unue, la Belga kroniko ne estos plu kiel antaŭe aro da diverskorespondantaj sciigoj, sed aparta artikolo redaktata de nia lerta kunlaboranto S-ro D-ro W. VAN DER BIEST. Tial oni sendu al ni, de nun, ĉiam antaŭ la 25a de ĉiu monato la sciigojn, informojn, dokumentojn k. t. p. redaktitaj per esperanta, franca aŭ flandra lingvo. Tre ofte lertaj samideanoj sciigis nin pri tiuj fakoj, dirante ke diversaj el la enhavataj artikoletoj estas tro longaj ritate la gravecon de la sciigataj faktoj. Tiel koncerteto okazas en la urbeta grupo de X... La korespondanto opinias prave, ke tiu fakto estas tre interesa por la urbeto mem ; ĝi ankaŭ estas interesa por la Belga movado, sed la korespondanto eraras kiam li opinias necese, rilati ĉiujn numerojn de la koncerto kaj ĉiujn gekantintojn, aldonante je ĉiu nomo la adjektivojn *lerta, vigla, sindonema, neniam laca, belvoĉa, artplena, talentplena, kuraĝa,* k. t. p. Kompreneble tio povas esti agrabla por unu aŭ alia el la gekantintoj sed oni ne povas forgesi ke tiaj raportoj estas iom tedaj por la esperantistoj el aliaj urboj.

Tial ni decidis ke la Belga kroniko estos redaktata dum la sekvo de samideano, kiu ekzamenos la faktojn iomete pli objektive.

Due, ni havas sufiĉan nombron da kunlaborantoj, kiuj de temp' al tempo sendas tradukaĵojn el flandra lingvo ; sed ankaŭ la valonaj samideanoj estas ege petataj sendi al ni iomete pli da trudukajoj el franca kaj valona lingvoj. Ni ilin bezonas por diversigi la enhavon de nia revuo.

Ni petas ankaŭ la samideanojn, ke ili sendu al ni siajn plendojn, kiam ili deziras, ke iu fako aliformiĝu aŭ ke nova fako estu aldonata. Tiel ni ĉiuj povas kunlabori kuj eĉ tiuj por kiuj la verkado de artikoletoj, tradukaĵoj, plendoj k. t. p. estas tro granda laboro povas ankaraŭ efike helpi la ĵurnalon kaj la movadon, abonigante la samideanojn, kiuj ĝis nun ne jam abonis.

Al ĉiuj gesamideanoj nian plej koran saluton !

B. E.

# IXa Universala Kongreso de Esperanto

**Bern. 24a-31a Aŭg. 1913**

Verki raporton pri kongreso estas ofte tasko malfacila. Partopreni kongreson estas ja ne nur ĉeesti kunvenojn, atente kaj kapripozite aŭskulti paroladojn aŭ diskutojn, kaj preni notojn por ilin poste elverki en raporton ; ho ne ! partopreni kongreson estas ankaŭ ĉeesti festojn, festenojn, ekskursojn, belajn, jes, sed ofte kiom lacigajn ! babiladi kun samideanoj aŭ kolekti iliajn subskribojn, enradikiĝi en la Akceptejo, vizitante la vendejon, la informejon, la poŝtejon, kaj multajn aliajn ejojn ; partopreni kongreson estas ankaŭ, kelkfoje, ĉeesti fakkunsidojn, kaj eĉ, iomete, — ne miru — viziti la kongresurbon aŭ sendi poŝtkartojn al la forestantoj. Kaj poste, eble, dum la revenvojaĝo, ankoraŭ vizitadi fremdajn urbojn aŭ restadi ĉe parencoj en eksterlando. Kaj nun, el tiu ĥaoso, devas fariĝi raporto ! Tiu longa enkonduko celas peti indulgon, multan indulgon, de la legantoj de B. E. se, eble, el mia lacigita cerbo, nur eliĝas raporto tute senmetoda, tute neklera aŭ neklara, kaj eble, eĉ, sen mia scio, iom fantazia.

Sur la oficiala programo de la kongreso mi legas la noton : « Tiu programo estas netuŝebla, kiel la Fundamento de Esperanto, t. e. : oni povas aldoni, sed ne ŝanĝi. » Aprobinda estas tiu decido de la organiza komitato. Ĝi ne estis nur vorto, sed fakto, kaj multajn hezitojn, kutimajn dum kongresoj, ĝi plej oportune malaperigis.

La kongresanoj estis proksimume 1200. Multaj jam alvenis sabate, kaj la Akceptejo, la bela, oportuna Kazino, jam estis de tiu momento internacia rendevuejo. **Dimanĉe** matene okazis diversreligiaj diservoj, sinsekve hebrea, protestanta kaj katolika. Je la tria la tuta kongresanaro kuniĝis en la vasta festĉambrego de la Kazino por la solena malferma kunsido de l'kongreso. Oni tre admiris la grandan blankfloran blazonon kun verda stelo, kiu ornamis la tribunon funde de l' scenejo. Sur la estrado sidiĝis D-ro ZAMENHOF, S-ro K-lo FREY, eksprezidanto de la Svisa Federacio, S-roj Generalo SEBERT, prezidanto de l' Konstanta Komitato de la Kongresoj (K. K. K.), BOIRAC, prezidanto de l'Akademio, SCHMID, prezidanto de l'kongreso, DE SAUSSURE, prezidanto de l'Akcepta komitato, CHAVET, ĝenerala sekretario, kelkaj reprezentantoj de fremdlandaj registaroj, kaj la multnombraj delegitoj de internaciaj aŭ naciaj organizajoj.

Baldaŭ orgenludo eksonigas la *Espero*'n ; ĉiuj kongresanoj kantas ĥore. Pro la foresto de S-ro MIKOLAJSKI, prezidanto de la Oka, S-ro SEBERT malfermas la kunsidon kaj transdonas la povojn al la nova kongresa estraro, kies kunmetado estis jena : Prez.: S-ro SCHMID;vic-prez.: S-roj DE SAUSSURE kaj STETTLER;

ĝen.sekr.: S-ro CHAVET ; naciaj vic-prez.: K-lo ROBINSON (Brit.), S-ro ROLLET DE L'ISLE (Franc.), D-ro ARNHOLD (Germ.). Tiu estraro estas aklame akceptata. (Oni estas proponinta la prezidantecon, al S-ro DE SAUSSURE, kiu rifuzis ĝin pro sia malbona sanstato kaj nur konservis la rajton pri la malferma parolado).

S-ro CHAVET legas la multnombrajn salutojn kaj bondezirojn senditajn al la kongreso kaj la nomaron de la oficialaj delegitoj de ŝtatoj aŭ internaciaj entreprenoj.

S-ro kolonelo FREY, honora prezidanto de l'kongreso, eksprezidanto de la Svisa Federacio, faras germanlingve belan, tre aplaŭdatan paroladon, kiun poste F-ino HÄBERLI tradukas Esperanten. Li deziras bonvenon al la esperantistoj en la lando « kies neŭtrala teritorio jam ofte estis la scenejo de gravegaj internaciaj traktaĵoj kaj decidoj... Internacia lingvo faros al la homaro nemezureblan servon. Ĝi ne forigos la fosaĵon kreitan de la diverseco de lingvoj,sed ĝi konstruos pontojn super ĝi. Ĝi ebligos la atingon de la toleremo inter la popoloj ; tiu estas la unua paŝo por la interfratiĝo kaj reciproka amo. »

S-ro KISTLER, je la nomo de la registaro de l' kantono Bern, ankaŭ deziras bonvenon al la kongresanoj. S-ro ROLLIER, vicprezidanto de la Internacia Asocio por la fondo de Mondlingva Oficejo, salutas la kongreson je la nomo de tiu Asocio kaj konsentas pri la graveco de Esperanto.

Interakta orgenludo, improvizita de la lerta orgeninspektoro LOCHER, ravas la ĉeestantojn per siaj sonoj jen bruegaj, jen plorantaj, jen anĝelaj, el kiuj, fine, triumfe kaj simbole, aŭdiĝas la *Espero*.

Tiam S-ro BOIRAC honoras la memoron de la karaj malaperintoj, kiujn ĉiuj ankoraŭ priploras. Li diras emociplenajn vortojn pri ĉiuj tiuj sindonaj kunbatalantoj, en la lasta tempo tiel kruele forrabitaj el niaj vicoj. Li parolas pri S-ro D-ro DOR, pri S-ro LADEVÈZE, pri la bedaŭregata S-ro CARLO BOURLET, pri S-ro Pastro RICHARDSON, la amata vic-prezidanto de nia *Belga Ligo*, mortinta en Bossey sur la vojo al la kongreso. Per stariĝo la tuta ĉeestantaro funebre honoras ilian memoron.

Nun S-ro DE SAUSSURE faras la solenan malferman paroladon kiu anstataŭas la kutiman paroladon de D-ro ZAMENHOE. S-ro DE SAUSSURE rememorigas kiel, en Krakovo, D-ro ZAMENHOF faris al la Esperantistaro deklaron tute ne atenditan, per kiu li formetis sian rolon de ĉefo kaj Majstro. « Nun pasis unu jaro, kaj pripensinte la aferon, multaj Esperantistoj venis al la konkludo, ke kiel ajn doloriga estas por ili la decido de nia Majstro, ĝi tamen estas decido grandanima, kaj bonefikonta sur la estontecon de nia movado... D-ro ZAMENHOF komprenas ke la homa vivdaŭro estas tempo tre mallonga kompare kun la tempo postulita por plene efektivigi la realigon de lingvo internacia. Jam dum 25 jaroj li fervore kaj senlace direktadis la movadon esper-

antistan tra ĉiuj malhelpoj kaj kontraŭventoj: la infano «Esperanto» estas nun plenkreska, kaj alvenis la tempo, kiam ĝi devas sin disigi de la patro, por konkeri la mondon per siaj propraj fortoj. Certe tiu momento estas doloriga por la filo, kaj ankaŭ --- mi kredas --- por la patro ; sed por ambaŭ ĝi estas esperplena matenruĝo de komencanta nova periodo ».

«Sed,diris S-ro DE SAUSSURE.ni almenaŭ ne volas permesi al nia Majstro, ke li forlasu sian oficon tiel nerimarkite. »Li esprimas *oficiale* al D-ro ZAMENHOF la profundan dankon, admiron kaj amsenton de la tuta esperantistaro, kaj sciigas ke « la organiza komitato decidis solenigi la transiron de la unua al la dua periodo de nia historio per la stampigo de memoriga ora medalo, kiun S-ro SCHMID oficiale prezentos al D-ro ZAMENHOF... La samideanoj ne ĉesos vidi en li la amatan simbolon de Esperanto... Kaj nun komenciĝas nova periodo, ni devas starigi la programon de nia nova vivo kaj ekzameni kiamaniere ni povas kompletigi la nunajn instituciojn de Esperanto kaj de la Esperanta movado. »

S-ro DE SAUSSURE jene analizas tiun demandon (mi nur resumas la klarigojn) :

1e En niaj universalaj kongresoj *la malferman paroladon devas fari de nun la kongresprezidanto* (prop. de S-ro BOIRAC). Sed plej necese estas, ke la kongresprezidanto estu sola responda pri tio, kion li diras.

2e Koncerne *la elekton de la ĉiujara prezidanto.* Ĝis nun laŭ la regularo li estis elektata de la kongreso mem, je la lasta momento ; li do ne havus la tempon por zorge prepari la tekston de la malferma parolado. Ni esperu ke iam kongreso trovos por tiu demando pli taŭgan solvon.

3e Koncerne *la Lingvan Komitaton kaj Akademion.* Ili estas, kiel antaŭe, nia supera kaj sola lingva aŭtoritato. La sola ŝanĝo estas eble la pligrandigo de ilia morala aŭtoritato.

4e Koncerne *la internacian organizadon de la Esperanta movado.* Tiu grava kaj malfacila demando estas jam parte solvita per la kreado de Administra Komitato de la Centra Oficejo kaj de « rajtigitaj delegitoj ». Sed ekzistas ankoraŭ malfacilaĵoj, precipe pri la maniero kolekti la monon, necesan por subteni la centrajn instituciojn. La internacia organizado de la esperantista movado estas kaj povas esti nenio alia ol la kreado de tutmonda societo aŭ asocio esperantista, kaj, laŭ la Bulonja deklaracio, la aliĝo al tiu nova asocio aŭ societo estas por ĉiu Esperantisto «rekomendinda» sed ne « deviga ». Oni ne klare komprenis la veran karakteron de nia jus fondita organizaĵo, pro tio ke ĝi ne havas difinitan nomon. Oni nomu ĝin ekzemple «Internacia Asocio Esperantista»(I.A.E.); tiam *rajtigita delegito* signifus « rajtigita delegito de I. A. E. », «centra oficejo» estus «Centra Oficejo de I.A.E.». Tiel la situacio fariĝus pli klara kaj sendube preskaŭ ĉiuj grupoj kaj societoj por propagando de Esperanto aliĝus propravole al la tutmonda Asocio. Ni jam havas ekzemplon de esperantista internacia organizaĵo

per « U.E.A. » ; la sola diferenco estas, ke « U.E.A. » celas nur la praktikan aplikadon de Esperanto ; dum « I.A.E. » celus nur la propagandon. Ni akceptu ambaŭ, kaj ni kreu inter ili amikajn kaj precizajn interrilatojn.

5e Koncerne *niajn internaciajn kongresojn*. Ili estas kaj restos ĉiujara *festo* de la esperantista popolo ; dum tiu festo okazos laborkunsidoj oficialaj de «L. K.» (lingvo), de « I. A. E.» (propagando), de « U. E. A. » (aplikado), kaj neoficialaj fakkunsidoj de « I. A. E. » aŭ de « U. E. A. ».

S-ro DE SAUSSURE insistas pri tio, ke li esprimis nur personan opinion. Li fine rememorigas la lastan deziron esprimitan de nia Majstro en lia oficiala parolado en Krakovo : en la unuaj jaroj de nia laborado estis skribitaj sur nia standardo la vortoj : *espero, obstino* kaj *pacienco ;* transirante en la duan kvaronjarcenton, ni skribu sur nia standardo novan vorton, kaj ĉi tiun vorton ni ĉiam respektu kiel sanktan ordonon ; tiu vorto estas *konkordo*.

Ĉi tiun belan paroladon, tre ofte aplaŭditan, ni tiel amplekse ĉi tie resumis, ĉar ĝi montros al la nepartoprenintoj de la kongreso la nunan situacion de la esperantista movado.

Poste parolis pli ol dudek delegitoj de la diversnaciaj Esperantaj organizaĵoj ; la verkantino de tiu ĉi raporto havis la honoron prezenti al la kongresanoj la salutojn de la *Belga Ligo Esperantista*.

Nun ekstaras generalo SEBERT por esprimi al D-ro ZAMENHOF la dankemon kaj admiron de la tuta esperantistaro. Li transdonas al S-ro SCHMID oran medalon, kiu prezentas unuflanke la bildon de D-ro ZAMENHOF, aliflanke artan simbolon de Esperanto. S-ro SCHMID komisias nacie vestitan Svisinon por donaci tiun memoraĵon al la Majstro ; alia Svisino prezentas al S-ino ZAMENHOF belan florgarbon da ruĝaj rozoj surhavantan la svisan blankan krucon el edelvejsoj. Entuziasma ovacio de l'tuta ĉeestantaro salutas la Majstron kaj lian edzinon. Post kelkaj komunikoj de S-ro CHAVET finiĝas tiu bela festkunsido, dum denove sonas la orgeno.

Antaŭ la Kazino la kongresanoj tuj grupiĝas malantaŭ siaj naciaj standardoj. Ĉiu nacio reprezentita de minimume 10 kongresanoj havas apartan flagon. Akompanate de la urba muzikistaro, senfina sekvantaro trairadas la ĉefajn stratojn de Bern. Multegaj estas la rigardantoj ; ili formas laŭlonge de la vojo seninterrompan duoblan muron, ili staras ĉe fenestroj kaj balkonoj ; kelkaj eĉ sidas sur la tegmentoj (ĉu iu nemarŝema Antverpena kongresano ne grimpis sur la tegmenton de sia hotelo ?). Sur la Bundesplatz la amaso estas tiel densa, ke la marŝantaro nur pene povas grupiĝi por kanti, Esperante, la svisan nacian himnon. Reveninte antaŭ la Kazino, la tuta sekvantaro amasiĝas sur la placo ; svingante la flagojn, ĝi ovacias la Majstron, kiu sidas sur la balkono kun la kongresaj eminentuloj. Kaj fine, akompanate de l' urba muziko, el ĉiuj brustoj laŭte eksonas la *Espero*.

Tiu neforgesebla unua kongrestago finiĝis per la elektra lumigo de la katedrala turo je l' honoro de l' kongresanoj.

La ĉefa okazintaĵo de la dua tago, **Lundo**, estis la solena malferma kunsido de U. E. A. Ĉiuj kongresanoj povis ĉeesti. La ĉambrego estis superplena. Pro foresto de S-ro MUDIE, prezidanto de U. E. A., kiu nun vojaĝas en Kanado, S-ro ROUSSEAU, vic-prezidanto, anstataŭis lin por prezidi la kongreson. Ni aŭdis sinsekve belajn paroladojn de S-ro ROUSSEAU, de S-ro POLLEN, kiu legas interesplenan leteron de S-ro MUDIE, de S-ro SCHMID, kiu montras la profiton de la nova aranĝo, nome la opa kotizaĵo por ambaŭ kongresoj, la Universala kaj tiu de U. E. A. ; de S-ro HODLER, la agema direktoro de U. E. A., kiu montras la nunan staton de la Asocio, kaj la rezulton de la plialtigo de la ĉiujara kotizaĵo : malgraŭ tiu plialtigo 6000 anoj, tio estas pli ol la du trionoj, restis fidelaj. Dank' al ili, kaj al la sindonaj samideanoj, kiuj volis kunhelpi por la kreo de garantia kapitalo, la financa stato de U. E. A. multe pliboniĝis. La Esperantiaj servoj regule kreskas ne sole rilate al la nombro, sed ankaŭ rilate al sia graveco. S-ro HODLER varme dankas la delegitojn, kiuj penis por konservi la anojn kaj varbi novajn, kaj li insistas precipe pri la neceso de la individua varbado kiu liveras pli gravajn rezultojn ol la ĝenerala propagando. Poste ni aŭdis la festan literaturan paroladon de la eminenta oratoro S-ro EDMOND PRIVAT : « La nuna tasko de Esperantismo ». Kiel kutime, S-ro PRIVAT parolas kvazaŭ senprepare, la vortoj elfluas kiel longa emocianta poemo, en kiu plej ege trafas belega priskribo de la kvar sezonoj kompare kun nia movado ; la ĉeestantoj aŭskultas ravite.

Fine, grava deziresprimo estas akceptata, nome, ke de nun en ĉiu Universala Kongreso de Esperanto unu sola kotizaĵo valoru ankaŭ por la kongreso de U. E. A., por ke ĉiuj povu ĉeesti la instruajn kunvenojn de tiu Asocio.

Lundon vespere la kongresanoj kunvenis en la eksterurba kampara koncertejo « Innere Enge », kie ili povis aŭskulti artan internacian koncerton (po unu numero el la verkaro de ĉiu lando) kaj ĝui samtempe, en la bela arboriĉa ĝardeno agrablan vespermalvarmeton kaj amikan interbabiladon. Jen kion diras ankoraŭ pri tiu festeto la raportinto de la Moskva gazeto *Ondo de Esperanto* : « Ĉu oni povas tiel malvarme disiĝi post bela vespero ? Kaj la restantoj en freneza danco formas grandajn rondojn ĉirkaŭ la tabloj, la ĉenaroj volviĝas ĉirkaŭ la arboj, renversas la tablojn. Tamen, alvenas la fino. Amase oni eliras, kun verdaj lampionoj en la manoj. Sed mi serĉas ankoraŭ pli da varmo -- kaj jen aŭdiĝas gajaj kantantaj voĉoj de iu « varma » kompanio. Dek aŭ dek-kvin personoj iras, tenante sin je manoj. Mi kaptas la manon de la lasta en vico, kaj tiamaniere ni iras tra la mallumaj kaj sensonaj aleaj stratoj ĝis la centro, kantante ĉion kanteblan, dancante kaj saltante. Kiuj estis tiuj noktaj gajuloj, mi ne scias ĝis nun, ĉar la

mall umanokto konservis la sekreton.» Por S ro OBRUČEY, eble, ĝi estis sekreto, sed ne por ni. La « noktaj gajuloj» estis, kiel kutime, la Antverpenaj samideanoj, kiuj laŭte kantis la tutan « Gajan kantaron » de S-ro SWAGERS. (Ni estis 18 Belgoj ĉe la kongreso, inter kiuj 14 Antverpenanoj).

**Mardon**, je la 9a matene, sufiĉe granda aro da samideanoj, inter kiuj nia kara Majstro kaj lia familio, ĉeestis, en la preĝejo « Trinitatis », funebran diservon je la memoro de la bedaŭrata abato RICHARDSON. S ro pastro LAJOS faris Esperantan predikon kaj S-ro COLAS, en subtera ĉambro de l'preĝejo, rakontis la lastajn momentojn de la kara malaperinto.

Je la 10 1/4 okazas la unua laborkunsido de U, E. A., dum kiu oni ekzamenas proponojn kaj rimarkojn rilatajn al la dlversaj servoj.

Je la 3a okazas la unua ĝenerala labora kunsido de la kongreso. S-ro STETTLER, vic-prezidanto de l'kongreso, prezidas. S-ro CHAVET legas la protokolon de la malfermakunsido.

S-ro SCHMID legas telegramon kaj leteron kiuj faras grandan ĝojigan impreson. Ili venas de S-ro WENK, eks-reprezentanto de *Mond Ido Uniono* kaj eks-prezidanto de *Svisa Ida Asocio*. Per sia telegramo, jam legita dum la hieraŭa kunsido de U.E.A., S-ro WENK salutas la kongreson kaj bedaŭras, ke li fariĝis idisto, « ĉar la Esperantista movado estas pli prudente direktata kaj pli bone progresas ». Por esti certa pri la aŭtentikeco de la telegramo oni petis de S-ro WENK klarigan leteron. En tiu letero S ro WENK ripetas la tekston de la telegramo kaj aldonas : « Mi konvinkiĝis, ke la progesoj de Ido estas nulaj. La sukcesoj en Basel nun, post 5 jaroj, estas malpli grandaj, ol antaŭe. Multaj konstantaj ŝanĝoj en la lingvo tute malhelpas la propagandon. La esperantistoj agas ankaŭ multe pli diplomatie, ol idistoj. En Ida movado estas la ĉefajo – personaj opinioj ». Entuziasmaj aplaŭdoj salutas tiun legadon.

S-ro BOIRAC legas la raporton pri la Lingva Komitato. Li priparolas la laboron de la diversaj sekcioj kaj komisionoj. Li starigis tabelon de la ses ĉefaj devoj de bona L. K. — ano, kaj devis bedaŭre konstati ke 25 L. K. — anoj eĉ ne plenumis unu el tiuj devoj. S-ro G-lo SEBERT verkis pri la K. K. K. raporton, kiun resumas S ro CHAVET. Ĝi klarigas interalie la neokazigon de la kongreso en Genova, kaj ĝian okazigon en Bern. Oficialaj invitoj al la registaroj ne povis esti farataj ; pro tio ne estas tiun ĉi jaron multaj delegitoj de ŝtatoj. La raporto ankaŭ priparolas la organizon de la laboro de la rajtigitaj delegitoj kaj fiksas la tagordon de la kongreso.

S-ro CHAVET ankaŭ resumas la raporton de G-lo SEBERT pri la Administra Komitato de la Centra Oficejo kaj pri tiu Oficejo. Ĝi pritraktas la reorganizon de la Administra Komitato, la apartigon de la servoj de la C. O., la budĝeton, la neceson de statis-

tiko pri esperantistaj societoj, libroj, gazetoj, k.t.p., por kontroli la evolucion de nia movado.

Propono de S-ro VON FRENCKELL koncerne la rajtigitajn delegitojn naskas diskuton sufiĉe longan kaj neklaran. Tiu propono, jam antaŭe farita al la rajtigitaj delegitoj en aparta kunveno, celas doni al ili la rajton aparte kunveni por ekzameni kaj pridiskuti la punktojn priparolotajn en la ĝenerala kunveno, kaj provizore voĉdoni pri ili. Post kelkaj ŝanĝoj en la formo, tiu propono estas akceptata.

Ŝajnas al mi, ke dum tiu diskutado parolis multaj personoj kiuj volis erare depreni de la R. D. rajton kiun ili jam posedis de sia kreiĝo (kongreso de Antverpeno), kaj kiu estas verdire la nura tialo de ilia ekzisto, nome la solan voĉdonrajton dum la kongresoj ; la R. D. ja reprezentas ne nur la kongresanaron, sed ĉiujn anojn de la societoj aliĝintaj al la centra organizaĵo de Esperanto. Aliaj personoj, same erare, volis doni al ili rajton kiun ili ne povas ricevi : nome, en privata kunveno voĉdoni kaj *decidi*, por poste nur komuniki tiujn *decidojn* al la ĝenerala kunveno kaj aprobigi ilin de tiu kunveno, tio estas de si mem, ĉar nur ili ja rajtas voĉdoni.

Laŭ antaŭaj decidoj nur la R. D. voĉdonas, nur ili decidas, sed ili tion faras publike, post diskutado, en kiu ĉiuj kongresanoj povas partopreni. Sed nenio malhelpas, ke ili jam aparte ekzamenu la priparolotajn demandojn, kaj eĉ provizore voĉdonu pri ili. Ĉu en ĉiu moderna leĝaro ne ekzistas la rajto de kunveno ? Cetere, kiu povus depreni de la delegitoj de iu grupo, aŭ urbo, aŭ lando, la rajton jam kune ekzameni la punktojn de la tagordo kaj pri ili interkonsenti, antaŭ sia forveturo al la kongresurbo, aŭ dumvoje, aŭ tuj post sia alveno ? Ĉu tio ankaŭ estus provripetado, kiel la Berna kongresgazeto nomas iom ironie la apartajn kunvenojn de la R. D. ?

Kaj ĉu ĝenerale la R. D. ne estas tiuj personoj, kiuj plej ageme sin okupas pri la movado ? ĉu la grupoj, ilin elektante, ne volis doni al ili specialan pruvon de konfido ? Do, ilia komuna prepara laboro verŝajne ne estus tiel senutila !

Tiun longan parentezon mi konkludas dirante, ke mi juĝis la tutan diskuton kaj eĉ la proponon de S-ro VON FRENCKELL nenecesa. La propono celis doni rajton, kiun ĉiu libera homo jam posedas (la rajton de kunveno) ; la diskutado celis kontraŭstari al tiu rajto, aŭ forpreni rajton, kiun antaŭaj decidoj jam aljuĝis (la solan voĉdonrajton) aŭ doni rajton, kiun, laŭ tiuj samaj decidoj, oni absolute ne povas posedi (*definitivan* voĉdonrajton en *apartaj* kunvenoj).

La legantoj de B.E. pardonu, ke mi tiel amplekse intermiksis en tiu ĉi raporto miajn personajn opinojn ; mi estas kontenta, ke mi povas fine ilin esprimi. En Berno mi deziris peti pri tio la parolvicon, sed, ĉar mi sidis en la malantaŭa parto de la ĉambrego, mi ne sukcesis atentigi pri mia peto. Ĉu mi estas prava ? ĉu

malprava? Egale. Ni fermu la diskutadon kaj la parentezon, kiuj ambaŭ jam tro longe daŭris.

La marda vespero estis la granda vespero de la teatraj prezentadoj, la granda kaj longega; de la 8 1/4a ĝis la 1a matene, ni pacience aŭskultis artajn aŭ kvazaŭ-artajn eldiraĵojn, sed mi konfesas, ke ni ne konstante aŭskultis ilin kun la sama plezuro. Pri la temo de la kvarakta socia dramo *Patreco*, de S-ino WOLF, mi aŭdis diversajn opiniojn. Kelkaj ĝin laŭdis, kelkaj mallaŭdegis. *Patreco* volas inspiri kompaton al malfeliĉa junulino, trompita kaj forlasita: la deloginto estas edziĝonta kun alia fraŭlino. La forlasitino aperas al li lastmomente, kun la kompatinda infaneto. Malgraŭ la intermetiĝo de siaj gepatroj, kiuj timas skandalon, la junulo plenumas sian devon: li rompas la edziĝpromeson kaj donos sian nomon al la patrino de sia infano.

« Nobla agmaniero, alta instruo pri moralo », diris la admirantoj; « tro malgaja temo por kongresa prezentado, insulto al la honesteco de la ĉeestantaj viroj; solvo tute nemorala, ĉar la honesta, ankaŭ amanta fianĉino estas siavice oferita », tiaj estas la rimarkoj de la malaprobantoj.

Malgraŭ tiu diverseco de opinioj, *Patreco* estus eble plaĉinta al la aŭskultantoj, se ĝi ne estus terure fuŝita en la buŝo de la aktoroj. Ni estu indulgaj, ni eĉ laŭdegu la penadojn de tiu agema amatoraro el La-Chaux-de-Fonds, kiu nur antaŭ kelkaj monatoj eklernis Esperanton; sed ni petu ĝentile la organizantojn de mondkongresoj, ke ili estonte nur montru al ni teatraĵojn pli arte prezentitajn. Mi kompatis la orelojn kaj la koron de Doktoro ZAMENHOF, kiu certe devis suferi pro la nerekonebleco, pro la malbelegeco de sia fuŝita lingvo. Ni tute amike konsilu preterpase al la francparolantaj samideanoj, ke ili nepre atentu la akcenton! Ili nun povis aŭdi mem, kio fariĝas el Esperanto kiam. dum kvar horoj oni nur aŭdas *às*, *ós*, *às*, des pli akcentegitaj, ju pli la aktoroj fariĝis lacaj.

En tiuj malfavoraj cirkonstancoj, je preskaŭ la noktomezo, antaŭ tedita, lacigita publiko, komenciĝis la prezentado de *Ginevra*. Ni ne priparolu la stilon de S-ro PRIVAT. La verkaĵoj de la fama literaturisto estas super ĉiuj kritikoj kaj ne plu bezonas laŭdojn. Pri la enhavo kelkaj miris pri la subita finiĝo de la dramo, kaj volonte vidus kvaran akton. Ĉu eble S-ro PRIVAT ĝin ankoraŭ verkos? Ginevra estas la edzino de Arturo, la fama reĝo de Kimrujo. Tiu ĉi idealista monarko ne partoprenigas sian edzinon en la reĝaj aferoj. Tio suferigas la reĝinon. Franca kavaliro Lancelot amas ŝin, ŝi nur redonas honestan amon, ĉar ŝi volas resti fidela al la respektata edzo. Modredo kalumnias la geamantojn ĉe la reĝo kaj surprizas ilin dum tute honesta renkontiĝo. Kiu estos la sorto de l'reĝino? Tion ni estus ankoraŭ volonte sciintaj. Ŝia lasta peto al Lancelot estas:

Nur se vi morgaŭ vidus, ke la Reĝo
Ordonis mian morton, tiam agu

Por liberigi min laŭ via plaĉo
Kaj min konduku al monaĥinejo
Por savi min de fajro ka de kulpo. »

Ĉu ni devas ankoraŭ laŭdi la lertajn geaktorojn kiuj antaŭ du jaroj, en Antverpeno, mirigis la tutan kongresanaron persia perfekta ludado de *Kaatje* ? Ree en Bern S-ino HELENE BERTRIJN kaj S-ro JULES VERSTRAETE, en la roloj de Ginevra kaj Lancelot, rikoltis ĝeneralan admiron kaj bone meritítajn aplaŭdojn. S-ro ALFONS VAN DE VELDE estis imponanta reĝo, S-ro JAN JACOBS tre aklamita Modredo, F-ino HERICKX estis ĉarma sekvantino, S-roj VAN SCHOOR kaj SCHOOFS brilaj kavaliroj de la Ronda Tablo. Al ĉiuj nian dankon kaj admiron ! La lerta prezentado de *Ginevra* kompensis agrable, por tiuj kiuj ne jam foriris, la tedan aŭskultadon de *Patreco*.

**Merkrede**, matene, dua laborkunsido de U. E. A. Oni ekzamenas diversajn proponojn pri la servoj de tiu Asocio Je la 12 1/2 h., agrable diversiga festkunveno, la oficiala festeno, kunigis la kongresanojn en la vasta salonego de l' Kazino, kiu estis tro malgranda por enteni ĉiujn festenantojn. La laste alvenintaj devis preni lokon en apuda salono. Diversnaciaj samideanoj faris lertan elokventan improvizon. Mi bedaŭrinde nur memoras la nomojn de S-ro kolonelo POLLEN kaj S-ro KRESTANOF. Post paroladeto de S-ro PRIVAT, en kiu li dankas ĉiujn aktorojn de la antaŭa vespero, oni vokis sur la estradon S-inon BERTRIJN kaj S-ron VERSTRAETE, kaj faris al ili plej varman ovacion. S-ino BERTRIJN respondis per kelkaj afablaj vortoj en plej pura Esperanto.

Tuj post la festeno, opa promenadeto al la herbeja deklivo trans la apuda ponto Kirchenfeld. Bone elektita loko por fotografado. Tre sukcesinta estas la bildo de l' kongresanaro, dank' al la oportuna deklivеco de la loko. Ĝi estas plej interesa memoraĵo pri la naŭa esperantista mondkunveno.

Post tiuj festaj okazintaĵoj, ree laborado : la dua ĝenerala labora kunsido. S-ro CHAVET legas la raporton de G-lo SEBERT pri la komisio por ĝenerala organizaĵo. Ĝi enhavas projekton pri kunordigo de la regularoj de la nun ekzistantaj oficialaj institucioj kaj projekton de *Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Societoj*. La jenaj deziresprimoj estas unuanime akceptitaj :

1) La kongreso aprobas la kunordigon de la nun ekzistantaj institucioj kaj publikigon de la teksto de tiu kunordigo laŭ la plano, nomita en la raporto.

2) La kongreso denove rekomendas al la naciaj societoj, ke ili esploru la demandon pri bonvola organizo de kunlaboro de la esperantistaj societoj kaj grupoj, laŭ la projekto, montrita en la aldono II de la raporto, kaj konsiderante, ke jam kelkaj societoj kaj grupoj akceptis aliĝi al tiu projekto de kunlaboro, la kongreso invitas la Centran Oficejon, ke ĝi organizu de nun la komencon de la efektivigo de komuna agado.

3) La kongreso konstatas, ke la komisio por ĝenerala organizaĵo finis sian taskon kaj dankas ĝin por ĝia valora labora.

Merkredon vespere okazis en la salonego de l' Kazino granda arta koncerto de la Berna Virĥoro.

La **Ĵaŭdo** estis ĝenerala ripoztago, almenaŭ por la spirito. Ĝi estis la tago de la oficiala ekskurso al Interlaken. Antaŭ la 8a matene la ekskursontoj kuniĝis en la stacidomo, kaj grupiĝis ĉirkaŭ afiŝetoj montrantaj la 15 diversajn hotelojn, en kiuj ili devos tag- kaj vespermanĝi. Du specialaj vagonaroj ilin kondukis al Scherzligen; de tie, per du specialaj ŝipoj ili veturis sur la beleta lago de Thun, ĝis Interlaken. Tie ili bedaŭrinde disiĝis laŭ la hoteloj al ili difinitaj. Ni tamen ne tro bedaŭru tiun necesan, tre oportunan aranĝon; tiu laŭhazarda kuniĝo estis ja por ni okazo interkonatiĝi kun diversaj ĝis nun nekonataj samideanoj; ĝi havigis al mi plej ĉarman amikinon, kaj afablan protektanton dum la surmonta promenado.

Por la libervole disponebla posttagmezo la programo montris diversajn ekskursetojn en la ĉirkaŭaĵo de Interlaken kaj, je rabatprezo de 1 Sm. germanan prezentadon de *Wilhelm Tell* sur liberaera scenejo. La kongresanoj, bedaŭrinde malmultnombraj, kiuj ĉeestis tiun mondfaman vidaĵon, revenis mirigitaj, ĝin juĝis nepriskribeble bela, kaj iliaj entuziasmaj admiresprimoj igis min iomete bedaŭri ke mi, anstataŭ ĉeesti la prezentadon, elektis la ekskurseton al Giessbach kun ŝipveturado sur la lago de Brienz. Estas ja ĉio admirinda kaj alloga, en la belega Svisujo! Kaj ne malpli plaĉis al mi la imponanta kvankam tute ripoziga vidaĵo de la Jungfrau, kiun oni ĝuas de la bela promenejo en Interlaken. Tagmeze ni ĝin vidis arĝenta, la neĝkovritan monton, antaŭ vespero ĝi estis ora. Sed ĉiam la sama majesteco, la sama kvieta grandiozeco! Multaj kongresanoj, dum apartaj tuttagaj ekskursoj, veturis ĝis la Jungfraujoch, la plej alta punkto de la monto, funikulare atingebla.

Vespere la tuta ekskursanaro kuniĝis en la belegaj festhalo kaj ĝardeno de la «Kursaal», en Interlaken, por aŭskulti belan simfonian koncerton kaj admiri artan fajraĵon. Inter tiuj fajraj belegaĵoj nin plej kortuŝis kompreneble nia kara verda stelo, ĉiam kreskanta, ĝis ĝi dissemiĝis en tiom da steleroj ke ni ne plu povis ilin kalkuli. Mi ne dubas ke tiuj verdaj semoj falis en fruktodonan grundon, ĉar la kutima publiko de la Kursaal, inter kiu sin miksis la aretoj da samideanoj, ŝajnis plej ege interesiĝi pri tiu internacia komunikilo, kiun ĝi aŭdis konstante uzata ĉirkaŭ si.

Je la 11a speciala vagonaro rekondukis la kongresanojn al Bern, kie ili alvenis je la duono post la noktmezo. Ĉiuj nedubeble estis lacaj, sed superkontentaj pri tiu belega ekskurstago.

**Vendrede** dum la mateno okazis la tria labora kunsido, samtempe ferma kunsido, de U. E. A. Post ekzameno de diversaj proponoj kaj raportoj, inter aliaj raporto pri Esperanto-diplomoj kaj raporto pri ŝovinismo, ambaŭ de S-ro ROUSSEAU, oni decidas provizore ke la venonta kongreso de U. E. A. okazos en Parizo. Sro HODLER dankas la Bernan komitaton pro ĝiaj bonaj aranĝoj, kaj fermas la kvaran kongreson de U. E. A.

Posttagmezo la *Scienca Asocio Esperantista* okazigis en la Kazino ĝeneralan kunsidon, al kiu ĝi invitis ĉiujn kongresanojn. Inter la scienculoj, kiuj paroladis, ni speciale notos S-ron WERNER MARCHAND, kiu estas konata de ĉiuj Antverpenaj samideanoj pro sia kelkjara restado en nia urbo. Li parolis pri la utileco de Esperanto por la sciencaj rondoj kaj pri la Alpa floraro de la regiono de Davos, sia nuntempa restadejo. Pri la floroj kaj bestetoj de tiu regiono S-ro Marchand estis organizinta interesan ekspozicieton en ĉambro de l'Universitato.

Vespere, ĉe la granda Internacia Balo, la tuta lacegeco pro la hieraŭa ekskurso estis malaperinta ĉe la vigle dancantaj paroj kiuj plenigis la vastan ĉambregon de l'Kazino. Alpa pejzaĝo okupis la fundon de l'scenejo, sur kiu sidis la muzikistaro. Por kompletigi la iluzion pri neĝomonta regiono, oni estis eĉ organizinta malsuprenglitejon, sur kiu precipe unu el niaj samurbanoj, kune kun bravaj Hispanaj kapitanoj, sin ekzercis pri montaj sportoj.

Pli ol iu ajn antaŭa, tiu ĉi balo povas esti nomata internacia, pro la multnombreco kaj la diverseco de la naciaj kostumoj. Multaj apartenis al la diversaj svisaj kantonoj, kaj oni ankaŭ tre admiris grupon da moravianinoj, kiuj dum la tuta daŭro de l'kongreso surmetis la pentrindan nacian vestaĵon. Niaj afablaj kungrupaninoj F-inoj HERICKX kaj WUYTS reprezentis plej ĉarme la flandrajn kamparaninojn.

Inter la dancoj ni povis aŭdi la strangan montaranan kantarton de la jodlistoj. La viraj voĉoj, sur ia strangsonanta noto, fariĝas kvazaŭ virinaj.

Dum la paŭzo, ĉirkaŭ la noktmezo, estis organizita malvarma bufedo. Al la partoprenintoj, kiuj volis elspezi por ĝi 3 fr., ĝi laŭŝajne plaĉis pro la diverseco kaj sufiĉeco de la laŭvolaj manĝaĵoj. Sed tre kurioza estis la vidaĵo de tiuj, kiuj ne deziris partopreni kaj sidis dum tuta horo ĉe la muroj de l'vasta, nun preskaŭ nuda kaj silenta ĉambrego, kun mieno iomete konsternita, ĉar por ili nenia pli malmultekosta manĝaĵo estis aĉetebla. Ĉiuj pordoj de la apudaj manĝoĉambroj estis ja zorge ŝlositaj. Manĝegi aŭ malsati, tio estis la ordona vorto. Feliĉe, kompatemaj Bernaninoj baldaŭ disvendis belaspektajn kukaĵojn, diversgrandecajn korojn kun verdaj steloj kaj amaj dediĉoj, al kiuj la malsatuloj tuj faris la honoron de sia bona apetito. Por la lastaj kukoj S-ro SCHMID, la kongresprezidanto, organizis aŭkcian vendadon. Ili malaperis kvazaŭsorĉe.

Cu mi dirus, ke la balo daŭradis ĝis tre, tre antaŭen en la sabata mateno? Kiam la taglumo estis baldaŭ reaperonta en la ĉielo, la kongresanoj ĉiam dancadis.

La Berna kongreskomitato, anstataŭ la kutima literatura konkurso, estis organizinta konkurson de oratoroj. Ĝi okazis **Sabaton** matene. Ok konkursantoj sin prezentis, kaj ni estas fieraj konstati ke du el niaj samurbanoj, S-roj VAN SCHOOR kaj JACOBS, kuraĝis partopreni tiun provon. Ili pritraktis, S-ro VAN SCHOOR la «Universalan Fratecon», S-ro JACOBS la «Mortpunon», kiujn ili povis elekti du horojn antaŭe inter kelkaj proponitaj temoj. La aliaj partoprenintoj estis : S-ro DALMAO, Kataluno, kiu parolis pri « Kuraĝo » ; S-ro PICHON, Franco, pri « Patrujo » ; S-ino TROPEOLO, Francino kiu modeste kaŝis sian nomon, parolis pri « Legado de seriozaj libroj » ; S-ino WIGHT, Britino, pri « la valoro de la sano, la maniero por ĝin akiri aŭ konservi » ; S-ro MAHN, Germano, pri « Iu heroo de l' historio »; S-ro RACZI, Hungaro, pri « Protekto de la infanoj ».

Mi certe ne aljuĝos al mi la rajton esprimi opinion pri tiu konkurso. Cetere mi nur havis la okazon aŭdi du aŭ tri el la parolintoj. Mi eksciis, ke la juĝantaro al ĉiuj donis premion. Ĝi bone agis rekompencante ĉiujn. Se ĉiuj konkursintoj ne jam estis oratoroj, ni tamen tutkore gratulu ilin ĉiujn pro iliaj kuraĝaj klopodoj. Konkurso tiel ofte tute aliigas la kapablojn de la partoprenantoj. S-ro JACOBS certe bone parolis pri tiu terura temo «La Mortpuno» ; sed kiom mi preferis lian parolarton en la elokventa improvizo, kiun li faris dum la Kongreso-Semajno en Gent ! Mi ne aŭdis S-ron VAN SCHOOR en Bern, sed mi ne timas aserti, ke pli ol unu fojon li montris al la Antverpenaj kungrupanoj veran oratoran talenton. Ni ree gratulu ambaŭ, ĉar ili provis subteni ĉe la Naŭa la bonan famon de la Belgaj parolantoj.

Dum la tria ĝenerala labora kunsido, sabaton posttagmeze, oni ekzamenas la proponon pri ebla okazigo de niaj kongresoj ĉiun duan jaron. La K. K. K. opinias, ke ne ekzistas sufiĉaj motivoj por ŝanĝi la ĝisnunan kutimon. Ĉiuokaze la Xa estos en Parizo en 1914. Por 19 5 venis proponoj por Edinburgh kaj por San Francisco (pro la Ekspozicio okaze de la inaŭguro de la Panama-kanalo). S-ro WARDEN faras oficialan inviton por 1915 al Skotlando, je la nomo de Skota Asocio kaj de Brita Asocio. Li legas statistikon pri la proporcio de la kongresanoj ĉe la ĝisnunaj kongresoj ; aperas el ĝi ke la Skotoj estas la plej kongresemaj el ĉiuj samideanoj. Cetere ekzistas jam garantia kapitalo de 20.000 fr. Unuanime oni akceptas fari kongreson ĉiujare. Kelkaj personaj proponas fari du kongresojn en 1915, unu en Edinburgh, unu en San Francisco. Fine estas decidite ke la XIa okazos en Edinburgh. Oni konsilos fari en 1915 en San Francisco Tutamerikan kongreson kaj sendi al ĝi delegitojn de Eŭropaj landoj.

Sabaton vespere okazis en la kazino la lasta muzika kaj literatura vespero, dum kiu ni povis aŭdi orgenludon, orkestron, kantojn, paroladon de S-ro PRIVAT, kaj vidi flag-kaj torĉsvingadon de gimnastikista societo. Dum tiu sama festvespero okazis kortuŝa manifestacio por « Mondamikiĝo». S-ro HARRISON HILL, je la nomo de la eksurbestro de Londono, S-ro VEZEY STRONG, instigis la kongresanojn subskribi por tiu asocio (la aliĝo estas senpaga), kiu celas pli ĝeneralan disvastigon de la kono pri internaciaj aferoj kaj de la ideo pri amikeco inter ĉiuj nacioj

Jam venis la lasta kongrestago, la malĝojiga tago de l' disiĝoj. **Dimanĉon** matene okazis la ferma kunsido de l' kongreso. Multaj kongresanoj jam estis forveturintaj. La ĉefa parto de la kunsido estis la disdono de l'premioj por la oratora konkurso. S-ro PRIVAT, per kelkaj taŭgaj vortoj, laŭdis kaj kritikis la konkursintojn ; li parolis pri la nepra neceso de ĝusta akcentigo. S-ino HANKEL, la afabla Reĝino de la unuaj Floraj Ludoj en Barcelono, estis invitita por disdoni la premiojn, arĝentajn spesmilojn, kopiojn de la jubilea medalo, malavare donacitajn de S-ro DE SAUSSURE. S-ro PICHON, el Paris, ricevis la unuan premion. Post kelkaj oficialaj adiaŭoj kaj dankesprimoj, la Naŭa Kongreso estis fermita.

Tuj post la ferma kunsido, multnombraj kongresanoj, inter kiuj ankoraŭ nia kara Majstro kaj lia tuta familio, suprenveturis al la monto Gurten, kie ili kuniĝis lastfoje por komuna festeneto en kampara restoracio. La monto Gurten estas la plej alta el la montetoj kiuj pentrinde ĉirkaŭas la svisan ĉefurbon. Ĝi estas alta 860 m. De ĝi oni malkovras admirindan vidaĵon sur la urbo kaj la tuta Berna Alparo.

Post la festeneto okazis la manovroj de la Ruĝa-Kruco. Ambulancaj veturiletoj kaj portiloj alkondukis la diversajn ŝajnvunditojn, kaj sur tute modesta duonronda kiosko aŭ scenejo oni donis al ili la necesan flegadon. Poste la Esperantistoj, ne la publiko, estis invititaj por viziti tiun improvizitan hospitalon. Mi ne volas kritiki, sed ŝajnas al mi, ke tiu manifestacio ne havis sian kutiman seriozan karakteron, aŭ pli ĝuste ke ĝi estis nur pantomimo, ĉe kiu la kono aŭ nekono de Esperanto estis afero tute flanka. Eble tio nur aspektis tia por la rigardantoj, ĉar ili ne povis sufiĉe proksimiĝi al la loko de l'flegado por aŭdi la interkompreniĝon inter vunditoj kaj flegistoj.

Posttagmeze la kongresanoj promenadis ankoraŭ sur la herbeja altaĵo, ĉeestis svisajn, iom sovaĝajn popolludojn, vidis flugadon de la fama aerveturisto BIDER, aŭ babiladis en la ĝardeno de l'restoracio, trinkante kafon kaj gustumante novan provizon da Esperantaj kukoj.

Iom post iom ilia nombro plimalgrandiĝis, arete ili reveturis al Bern, kaj kiam fine la tramveturilo kondukis min proksime al mia hotelo, mi restis tute sola.

Vere strangaj estas tiuj lastaj momentoj de mondkongreso. Oni dezirus adiaŭi ĉiujn, oni plu trovas neniun. Tramveturante mi interbabiladis kun angla blinda samideano, je kies malfeliĉa sorto mi plej ege interesiĝis. S-ro ADAMS, el Hastings, estis lia sindona kondukanto. Subite ni alvenis ĉe la haltejo ; meze de l' babilado ili malsupreniras unuflanke, mi aliflanke ; mi vane ĉirkaŭrigardis, dezirante adiaŭi ilin : ili estis malaperintaj !

Kaj kiom da similaj, egale malĝojigaj disiĝoj, kiom da geamikoj, kiujn oni dezirus ankoraŭ saluti, adiaŭe manpremi! Ili estas jam forveturintaj !... Mi dezirus enkonduki rimedon, novan ĝis nun ne okazintan kunvenon : adiaŭan kunvenon. Ĝi ne estus la solena malferma kunsido de l'kongreso, dum kiu oni aŭskultas silente oficialajn dankesprimojn. Ĝi estus interbabilada kunveno, dum kiu oni promenas de loko al loko, de grupo al grupo, serĉante, adiaŭante la amikojn. Ĝi okazu en ĉambrego, en kafejo, en ĝardeno, tute egale, sed ĝi nepre okazu, kaj ĉiuj ĝin ĉeestu ; ĝi estu la intima adiaŭo post la oficiala.

Nun restas nur al mi la tasko esprimi pri la Berna kongreso kelkajn ĝeneralajn impresojn. Ĝi sukcesis bonege, ĝi estis organizita perfekte. Se pri kelkaj detaloj de l'programo mi faris kritikon — ne malbonvolan — mi admiris antaŭ ĉio la organizon de la Akceptejo, kie diversaj giĉetoj montris la informejon, la kason, k. c. ; la sindonan laboron de la bonvolaj oficistoj ; la bele zorgitajn presaĵojn, programojn. informojn, k. c. ; la afablajn sciigojn pri ĉiutagaj ekskursoj por iaj kongresanoj pli turistaj ol kunsidemaj ; la sindonon de la kondukantoj en la diversaj hoteloj en Interlaken. Mi admiris la urbon Bern, kun ĝiaj karakterizaj stratoj, ĝiaj multnombraj belaj fontanoj, ĝia imponanta Federacia Palaco, ĝia beleta verdkolora rivero, ĝiaj multaj pontoj, ĝia grandioza Alpokadro, ĝia vivanta blazono : la Ursejo. Mi pensas ke al ĉiuj kongresanoj ĝi lasos bonegan daŭran impreson.

Tiuj konsideroj ĝeneralaj pri la kongreso kaj la kongresurbo igis nim preskaŭ forgesi diri kelkajn vortojn pri la multnombraj fakaj kunsidoj kiuj okazis ĉiutage en la Universitato, kiel ĉiam kreskanta pruvo pri la aplikado de Esperanto. Tie kunvenis scienculoj, kuracistoj, literaturistoj, instruistoj, juristoj, inĝenieroj, arĥitektoj, Ruĝkrucanoj, studentoj, junuloj, fervojistoj, maristoj, policistoj, poŝtoficistoj, publikoficistoj, feministoj, vegetaruloj, katolikoj, kristanoj, teozofoj, progresemuloj, socialistoj, liberpensuloj, framasonoj, bontemplanoj, abstinentuloj, kaj la internacia ligo por etiko kaj kulturo. Ni nur povas ĝojegi pri tiu senĉesa antaŭenirado de nia kara lingvo en ĉiujn kampojn de la homa aktiveco.

Post kiam fine, la lundon 1an de Sept. vespere, mi forlasis la gastaman kongresurbon, mi vizitis sinsekve, sur la vojo al Francujo, (dum la aliro mi estis rapide vizitinta Strasburg kaj

Basel), mi vizitis sinsekve, la pentrindan Fribourg, kun ĝiaj riskemaj pendantaj pontoj, — la svarman, kompaktan Lausanne, kun ĝiaj malharĝaj stratoj, ĉielaltaj domoj, kaj, de la pene suprenirita katedrala monteto, bela kompensa vidaĵo sur la lago Leman, — kaj la belegan Genève kun ĝiaj pontoj, ĝiaj promenejoj, ĝia kvieta blua lago kaj... ĝia iom malproksima « Mont Blanc ». En la oficejo de U. E. A. S-ro HODLER plej afable donis al mi konsilojn pri la vizito de la urbo. Apud Genève, malproksime je unu horo da tramveturado, kuŝas kontraŭ la monto Salève la malgrandega vilaĝo Bossey, kie nun dormas eterne nia kara vicprezidinto de *Belga Ligo Esperantista*, nia bedaŭrata amiko pastro RICHARDSON. Mi vizitis lian modestan tombon, redirante je lia memoro lian belan devizon « Homo, estu homa ! »

Poste mi pasigis kvar tagojn ĉe karaj parencoj en malgranda franca urbo. En Parizo min akceptis tutkore mia bonega amikino S-ino TROUILLON Dum tri tagoj ŝi promenigis min tra la belega arbara ĉirkaŭaĵo de Parizo. Fine, la 12an de Sept., estis la lasta disiĝo. La saman tagon, je la 5a, mi ree estis hejme, kunportante nur bonegajn impresojn kaj belajn rememorojn. Al ĉiuj, kongresorganizintoj kaj amikoj, dankon !

Kaj dankon ankaŭ al la Berna *Kongresa Gazeto* el kiu mi ĉerpis diversajn detalojn por tiu ĉi raporto, ĉiufoje kiam mia memoro ne estis tute fidela.

27 Sept. 1913. MARIA POSENAER.

Dankon ankaŭ al *La Ondo de Esperanto*, laŭ kiu, post apero de ĝia oktobra numero, mi kontrolis kaj kompletigis tiun ĉi raporton. Koran gratulon al la sprita raportinto de *La Ondo* !

Okt. 13. M. P.

---

# «Ido» kaj «The Anglo-American Institute»

Neniu regulo sen esceptoj : kvankam *Belga Esperantisto* «ignoras» la idistan movadon kaj kvankam, aliflanke, nia revuo estas ĉiam Esperante redaktata, ni volonte publikigas la jenan komunikajon, kiun sendis al ni S-ro JOE G. STEPHENSON, direktoro de *The Anglo-American Institute*.

REDAKCIO.

Dans l'un des derniers numéros du journal idiste « La Belga Sonorilo », a paru un article intitulé « L'Ido et l'Anglo-American Institute ».

Cet article était peu favorable pour nous, car on y annonçait que l'Anglo American Institute avait cessé de faire paraître le cours d' « Ido » dans le « Pedagogic Journal » parce qu'il ne rapportait pas suffisamment à la dite société (!).

Nous avons voulu rectifier cette assertion mensongère et dans ce but nous avons prié l'administrateur de « La Belga Sonorilo » de bien vouloir insérer l'article suivant :

Lorsque nous fondîmes « l'Anglo-American Institute » et le « Pedagogic Journal » nous avons fait énormement de réclame

dans plusieurs journaux locaux et provinciaux. Parmi les nombreuses demandes de specimens du « Pedagogic Journal » se trouvait le nom du Dr N..., nom qui nous était connu. Après examen du dit specimen, M. N... nous écrivit spontanément pour nous proposer son concours «gracieux» au cas où nous serions disposés à publier un cours de langue internationale dans notre journal, qu'il admirait énormement. Notre Directeur lui rendit visite. Pendant cette entrevue, M. N... montra plusieurs périodiques concernant la langue internationale,notamment un livre médical traduit du français en langue internationale par le docteur lui-même. Ce dernier fit remarquer qu'il avait réussi à apprendre la langue internationale au bout de 10 leçons, et ce sans professeur.A la suite de ces renseignements,notre directeur crut bien faire en offrant une branche aussi intéressante qu'utile à nos lecteurs. Par conséquent, il fut convenu que le Docteur nous rédigerait un cours de langue internationale en 10 leçons, à insérer dans notre « Pedagogic Journal ».

Néanmoins le Docteur,n'étant pas disposé à donner les cours oraux lui-même, nous présenta à plusieurs *éminents* (!) idistes, entre autres MM... et Mlle... (1). Il fut décidé que les cours oraux seraient donnés par cette dernière dans les locaux du « Ravenstein Hôtel ». Evidemment nous étions tout-à-fait ignorants des discussions existant entre les propagateurs des langues internationales.Nous ne connaissions absolument rien concernant l'Ido. Nous croyions l'Ido supérieur à l'Esperanto, car les idistes ne faisaient que vanter celui-ci au détriment de ce dernier. Plein de bonne foi, notre directeur fit de son mieux pour attirer de nouveaux adhérents à l'Ido. Afin de prouver la supériorité de l'Ido sur l'Esperanto, la Volapück, la Langue Bleue, etc., M. C... nous proposa de donner une conférence à cet effet en l'Hôtel Ravenstein. On fit des affiches, nous préparâmes des résumés de l'Ido. Tout promettait pour le mieux, quand nous parvint une lettre de notre cher et regretté Père Richardson, nous prévenant de tous les ennuis qui nous attendaient si nous entreprenions d'enseigner l'Ido. Stupéfaction complète chez notre directeur ! Malgré notre désir de rompre avec les Idistes, nous devions cependant continuer avec eux afin de ne pas nous compromettre devant nos lecteurs.

La veille de la dite conférence, M. C... nous informa qu'il admettrait la contradiction. Le directeur s'adressa au feu Père Richardson pour nous envoyer quelques espérantistes.

A notre grand étonnement, dix minutes avant la conférence, le conférencier nous informa que pour des raisons «personnelles» il retirait sa promesse de la veille et ne voulait donc pas admettre la moindre contradiction. Il ne nous a jamais donné de raison plausible pour ce refus. Les auditeurs furent très

(1) Nomoj de ses idistoj kaj de unu idistino.

désappointés, surtout les espérantistes. Le Directeur fut visiblement contrarié et pour montrer sa bonne foi il promit aux auditeurs d'organiser une conférence contradictoire le plus tôt possible. Inutile de dire que nous n'avons pas trouvé les antagonistes désirés.

Comme résultat, il va sans dire qu'il y eut peu d'adeptes pour le nouveau cours d'Ido. Malgré les 35 promesses obtenues parmi les élèves de nos divers cours, 15 seulement furent présents, la majorité étant des idistes qui venaient pour se perfectionner. Après 4 ou 5 leçons, le cercle autour de la table diminua, et à la 7ième leçon il ne restait que 6 élèves courageux : même les idistes s'étaient sauvés.

D'après les règles de «l'Anglo-American Institute», le Directeur doit toujours assister aux cours. Il était donc présent à chaque leçon d'Ido. Après la leçon les idistes restaient une heure environ à discuter les nouveaux mots que venait d'adopter l'académie idiste (!). Là nous avons pu apprendre *de visu* que les idistes ne savaient pas causer entre eux la langue qu'ils prétendaient enseigner aux autres. Aussitôt qu'ils prononçaient un mot en Ido ils devaient avoir recours à une douzaine de livres idistes afin d'en connaître le vrai sens. Amplement édifiés à ce sujet, nous décidâmes de ne plus publier un mot de cette langue si mystérieuse que les idistes ignoraient, même les plus *éminents* (!), et ainsi disparaissait de notre « Pedagogic Journal » une branche qui n'intéressait personne.

Telle fut l'histoire *vraie* de « l'Ido et l'Anglo-American Institute ».

THE ANGLO-AMERICAN INSTITUTE.

---

# BELGA KRONIKO

Regiona aŭ landa gazeto devas doni ideon pri la stato kaj pri la okazaĵoj de sia regiono aŭ lando. Se la bona S-ro de la Palisse ankoraŭ vivus, li certe ne kontraŭdirus la jenan veraĵon.

Nu, ĉu *Belga Esperantisto,* nacia esperantista revuo, donas ideon pri la stato de Esperanto en Belgujo kaj pri la novaĵoj, kiuj koncernas la movadon en nia lando ?

Kia ajn estas la amikeco, kiu min de jaroj kunligas kun ĝia redaktoro kaj kun ĝia administranto — kaj kun multaj el ĝiaj legantoj ! — mi ne kuraĝus jesi la jus faritan demandon. Se iu abonus nian ĵurnalon por sciiĝi pri la movado en Belgujo, li ofte vane serĉus en ĝi tion, kio lin interesus laŭ tiu vidpunkto.

Kial *Belga Esperantisto* ne donas tiujn sciigojn ? Ĉar ĝi mem ne posedas ilin. Kaj, kiel ankaŭ konfesus mia formortinta amiko de la Palisse, ne estas eble, doni tion, kion oni ne havas. Samideanoj en diversaj urboj kaj vilaĝoj promesis al S-ro Van Schoor, ke ili sendos informojn pri sia grupo kaj sia komunumo ; ili —

aŭ almenaŭ kelkaj el ili — faris tion pli malpli akurate je la komenco ; sed ilia fervoro iom post iom malpligrandiĝis, kaj, fine, la *Belga Kroniko* fariĝis nenio, aŭ preskaŭ.

Kaj nun S-ro Van Schoor konfidis al mi la honoron redakti la Belgan Kronikon laŭ la informoj, kiujn oni bonvolos al mi sendi.

Se mi estus skeptikulo, mi pensus : « Oni ne faros por mi tion, kion oni ne faris por mia amiko Van Schoor. » Sed mi ne estas skeptikulo, kaj konfide mi faras la jenan alvokon.

En ĉiuj — aŭ preskaŭ ĉiuj — komunumoj, kie ekzistas grupoj, mi konas personojn, kiujn mi konsideras kiel amikojn, al kiuj mi volonte faras aŭ farus servon, kaj de kiuj okaze mi kuraĝas aŭ kuraĝus peti servon miavice. Nu, en la nomo de tiu amikeco, mi turnas min al Witteryck, al Delvaux, al Petiau, al Posenaer, al Schoofs, al De Backer, (tiuj tri lastaj geamikoj cetere faras jam tion propavole) al Mathieux, al Baëz, al Dupont, al Rommel, al Desonay, al Van Aecker, al Barbe, al Vermandel, al Van Wesenbeeck, al Babilon, al Duflot (*last not least !*) kaj al ĉiuj samideanoj, kiuj bonvolos fari tiun personan servon al mi kaj tiun servon al la esperantista movado en Belgujo ; kaj mi al ili diras :

*Ĉiumonate, antaŭ la 25a, sendu al* «Belga Esperantisto», Vondelstraat (rue Vondel), 20, Antwerpen (Anvers), *per letero aŭ per poŝtkarto, sciigojn, kiuj donos al mi ideon pri la movado en via komunumo ;* dank'al tiuj sciigoj mi povos havi ĉiam opan ideon pri la movado en la tuta Belgujo, kaj mi povos verki ĉiumonate mian Belgan Kronikon. *Tiuj el vi, kiuj ne povos aŭ ne deziros fari tiun laboron, bonvolu peti, ke unu el iliaj samgrupanoj ilin anstataŭu, sed* ĈIUOKAZE ILI BONVOLU RESPONDI AL MI TUJ, EĈ NUR PER POŜTKARTO.

Mi esperas, ke tiu alvoko ne estos «vox clamans in deserto» kaj ke miaj bonvolemaj korespondantoj ebligos al mi verki la proksiman monaton artikolon tiel interesan, ke ĉiuj legantoj admiros mian talenton ! D-RO W. VAN DER BIEST.

**ANTWERPEN. — Antverpena Grupo Esperantista.** — Dum la kunveno de la 20a de Septembro oni sendis, laŭ propono de la Rusa samideano L. Agurtin, gratulan poŝtkarton al la redakcio de *Nowa Gazeta Lodzka,* ĉiutaga gazeto de Lodz, pro la enkonduko de konstanta priesperanta fako. Ĉiuj ĉeestantoj subskribis la karton, kies teksto kaj subskriboj aperis en la numero de N. G. L. de la 28a de Septembro. L. A.

— Por malfermi la novan jarperiodon, la A. G. E. organizis je dimanĉo la 5a de Oktobro, en la salono de la *Taverne Royale,* publikan paroladon, kiun afable faris S-ro Camescasse, el Paris. La lerta oratoro faris la kutiman skizon pri la neceso de mondlingvo, la naskiĝo de diversaj projektoj, la historio de Esperanto ; sed li miksis en ĝi multajn novajn, interesplenajn detalojn, kiujn aŭdis tre volonte la ĉeestantoj esperantistoj. Ĉu multaj el ili sciis, ke la nuna prezidanto de la Franca Respubliko, S-ro Raymond Poincaré, estas ankaŭ aŭtoro de projekto pri mondlingvo ? S-ro Camescasse klere elmontris kiamaniere D-ro Zamenhof venkis en Esperanto la malfacilaĵojn de aliaj lingvoj rilate al la gramatiko, al la vortaro, al la elparolado. Li montris la ĉiam kreskantajn progresojn de nia kara lingvo, ĝian aplikon en la plej diversaj kampoj de la homa agemeco ; per multaj interesaj anekdotoj li pruvis la praktikajn servojn, kiujn senĉese faras Esperanto. Tre plaĉis al mi la rakonto pri Pariza samidean-

ino, kiu estis interpretantino inter du loĝantoj de la urbo Praha, kiuj la unu ne komprenis la germanan, la alian ne la boheman lingvon.

S-ro Camescasse faris varman alvokon favore al la *Universala Esperanto Asocio*, kies praktikaj servoj estas nekalkuleblaj. La parolanto mem agrable spertis la utilecon de U. E. A. Li estas aŭtoro de matematika sistemo por faciligi la kalkulon en la lernejoj. Dank'al U E. A. la aparato de li eltrovita estis baldaŭ konata en 50 diversaj landoj kaj la klariga Esperanta broŝuro tradukita en kvar naciajn lingvojn.

Fine, la oratoro rememorigis, ke Esperanto estas bonega ilo por la instruo de fremdaj lingvoj, kaj li montris la grandan plidolĉigon, kiun ĝi alportis en la sorton de la blinduloj. «Tiu sola kaŭzo sufiĉus,» diris S-ro Camescasse, « por ke mi fariĝu esperantisto, se, pro multaj aliaj kaŭzoj, mi ne jam tio fariĝis.»

Tiu klera, interesplena parolado estis varme aplaŭdata. S-ro Champy, sekretario, en la nomo de la grupo tutkore dankis la lertan parolinton. —M. P.

— Dimanĉon, la 26an de Septembro, la A. G. E. prifestis la dekan datrevenon de sia fondo. Pri tiu festo aperos speciala artikolo en la venonta numero. JAN.

**Suda Lumo.** — La 25an de Septembro S-ro Leon Agurtin el Belostok, kiun *Suda Lumo* kalkulas inter siaj membroj, faris interesplenan paroladon pri *La esperantista movado en Ruslando.* Granda kunvenintaro, inter kiu eĉ unu Aŭstralia samideano, kiu hazarde vizitis la grupon, atentplene sekvis la parolanton, kiu en belaj, puresperantaj frazoj ĝin sciigis pri la irado de nia movado en la lando, kie naskiĝis la elpensinto glorinda de Esperanto. S-ro Agurtin intersekve konigis la Rusajn pionirojn, kiuj antaŭ multe da jaroj kunlaboradis por la disvastiĝo de Esperanto kaj kiujn li laŭvalore honoris; li denombris la diversajn Esperantajn gazetojn kaj revuojn jam falintajn aŭ ankoraŭ ekzistantajn kaj tutspeciale atentigis la ĉeestantaron pri la malfacilaĵoj, kiujn niaj Rusaj kunfratoj renkontas sur la vojo de la propagando, sed kiujn ili per ĉiuj siaj fortoj kontraŭbatalas. Unuvorte, la parolado de S-ro Agurtin multege interesis la aŭskultantojn; tion sufiĉege pruvis iliaj varmaj longedaŭraj aplaŭdoj kaj la dankplenaj paroloj de la prezidanto. Mi esperas, ke la okazinta parolado estos la komenco de longa serio da paroladoj donotaj de nia ŝatata amiko S-ro Agurtin, kiu povas ja multe rakonti al ni. La paroladinto tamen permesu,ke mi rimarkigu lin, ke, estonte, li devas paroli iom malpli rapide, por ke oni povu pli facile lin kompreni. FRANSO.

— La senpagan kurson, faratan de la vigla prezidanto de *Suda Lumo*, S-ro Jan Jacobs, ĉeestas kvardeko da personoj. Tiu kurso okazas ĉiumarde, je la 8 1/2a, en la komunuma lernejo de la Kasteelstraat, kiun la Urbestraro metis afable je la dispono de la grupo. FRANSO.

— S-ro Eilberg, samideano el Kovno (Rusujo), kiu dum la nuna jaro plenumis en la Kovna Komerca Lernejo ekzamenojn de Esperanto, alvenis en Antwerpen, kiu li studados en la Supera Komerca Instituto. L. A.

**BRUSSEL.** — Vendredon, la 10an de Oktobro, okazis en la kapelo de l' *Institut St Louis* funebra diservo je la memoro de nia tiel bedaŭrata amiko S-ro Richardson. Granda ĉeestantaro, bela, impona ceremonio. Ĉeestis multaj esperantistoj, precipe membroj de la grupo *La Zamenhof*, kies prezidanto estis la amata formortinto. M. M.

**EEKLOO.** — La 28an de Septembro okazis posttagmeze en Eekloo kunveno de diversaj grupoj, tiom por propaganda kiom por amuziga celo. Do la geamikoj el Gent, Gendbrugge kaj Brugge kunvenis en la ĉefurbo de la Meetjeslando kun tiuj de la grupo *Ĉiam Antaŭen* el Caprycke.

S-roj Dervaux kaj Van Aecker, tre sindonemaj kaj bonkonataj samideanoj, atendis la geekskursantojn en la stacidomo kaj deziris al ili amikan bonvenon en Eekloo. La sekvantaro, kiun oni tuj formis antaŭ la stacidomo, estis tre impona. Kvankam bedaŭrinde la amikoj el Brugge malmulnombre respondis al la alvoko, pli ol sepdek gesamideanoj ordiĝis malantaŭ la

standardoj de Caprycke, Gent kaj Gendbrugge, por trairi malrapide la tutan urbon, dum ĉiuflanke amikoj disdonis reklamilojn al la urbanoj. Unu el niaj novaj kunbatalantoj, S-ro Fauconnier, fotografis diversajn grupojn, inter aliaj sur la ŝtuparo de la urbdomo ; tiamaniere li rezervigis al ni la plej belan memoraĵon pri tiu sukcesplena ekskurso.

La sidejo de la starigota grupo kuŝas sur la Granda Placo. Ne tro granda, sed tre intima salono ebligas, ke oni faru kursojn, paroladojn, festojn esperantistajn. Tie la festa kunveno de la vespero okazis. Sed antaŭ ĝi oni bezonis refortigaĵojn : tial, la tre afabla estrino de la *Postgasthof* preparis ĉion, kio plaĉis al la ekskursantoj.

Post digestiga promenadeto, ĉiuj kunvenis en la sidejo, ornamita per standardoj. La amikoj el Eekloo antaŭ kelkaj tagoj faris alvokon al la urbanoj pere de kvar urbaj ĵurnaloj, por ĉeesti — senpage — la feston. La salono baldaŭ estis plena, kaj dum atenta silento la festo komenciĝis.

S-ro Varendonck, el Gendbrugge, artplene ludis sur la piano *La Poeto kaj la Kamparano* ; poste F-ino De Jaegher, ankaŭ el Gendbrugge, monologis tre bone *Ŝi ne legos ĝin* (tiuj virinoj, ĉiuj la samaj !).

Nun S-ro Sebruyns, la vigla prezidanto de la *Genta Grupo,* paroladis pri Esperanto. Li laŭvice priparolis la naskiĝon de Esperanto, ĝian celon, ĝian utilecon ; li diris, kial ne estis eble elekti mortintan aŭ nacian lingvon kiel internacian : Esperanto estas simpla, fleksebla, riĉa, facile lernebla ; la scio de unu, du, eĉ kvar lingvoj tute ne sufiĉas ; ĉiuj personoj povas efike uzi Esperanton, ĉefe la komercistoj, la vojaĝantoj ; oni povas uzi la tempon ŝparitan per la lernado de Eeperanto por studi multnombrajn interesplenajn sciencojn ; k. t. p.

Tondraj aplaŭdoj salutis tiun belegan paroladon, sekvitan de *La Espero,* kiun kantis ĉiuj ĉeestantoj.

F-ino Verhesschen, el Gent, per sia belega voĉo,aŭdigis *Vilya* kaj *La Laŭdo de la Muziko,* kaj havis grandan sukceson per sia *Atza, aŭ la vera Manola ;* S-ro Verbeke, ankaŭ el Gent, deklamis, kaj tre sprite, la monologon *La Turisto kun la verda Stelo,* de S-ro Van Schoor ; F-ino De Clercq, el Gendbrugge, ĉarmis nin per *Ŝuo Flik' !*

S-ro Van Aecker, el Lembeke, dankis el la fundo de sia koro la ĉeestantaron. Vere, la lernantoj el Eekloo havos bonegan profesoron. Poste, S-ro Dervaux, la tre simpatia prezidanto de la grupo *Ĉiam Antaŭen,* anoncis, ke la novaj kursoj por lernantoj komenciĝos la 15an de Oktobro. S-ro Petiau, kiu antaŭ nelonge estis elektita kiel sekretario de la *Belga Ligo,* dankis en ĝia nomo la cititajn pionirojn de la esperanta movado en Eekloo.

Oni havis la plezuron aŭdi la belan *Kanto de Zamenhof,* dank' al S-ro Sebruyns, kiu vere estis « en formo » ! S-ino Dervaux meritis plenan sukceson per sia ĉarma *Printempa Kanto,* kaj F-ino Van Hyfte ĉarmplene kaj tute naive deklamis *Estas la Vento* ! Sed, stranga afero : post la kunveno kaj en la vagonaro mi tre ofte aŭdis diri : *Estas la Vento!* Kial ?!? Estas strange, ĉu ne ?..

Dancado ankaŭ okazis : senutile diri,ke oni sin tutkore amuzis, ĝis kiam la horo —ho ! kiom malŝatata ! — de la forveturo proksimiĝis.Kune, kaj kantante vivplenajn kantaĵojn, ni atingis la stacidomon.

Multnombraj novamikaj manoj estis premataj ; ĉiuj, ni promesis tre baldaŭan revidon, kaj meze de la krioj « Vivu Eekloo ! Vivu Esperanto ! » la vagonaro forveturis.

Mi estas certa , ke neniu el ni iam ĉeestis tiel belegan ekskurson.Ni esperu, ke la propagando farita estos tre efika kaj ke la novajn kursojn ĉeestos granda aro da gelernantoj.

Sed mi ne forgesu vin, amikoj Dervaux kaj Van Aecker ! Mi tre certe esprimas la sentojn de ĉiuj partoprenintoj, dirante al vi : dankon, koran dankon ! Kaj tio ne nur, ĉar vi havigis al ni agrablan posttagmezon, sed ĉefe, ĉar vi donis al ni la okazon helpi vin por propagandi nian karan lingvon. Kaj nia plej kara deziro estas, ke post nelonge, kaj fieraj pri la rezulto de viaj

klopodoj, vi havos la okazon diri al ni : Ni starigis novan grupon, ni kreis novan mezon de lumo, de paco kaj de homa frateco ! Blak.

**GENDBRUGGE.** — La 21an de Septembro, publika parolado, pri la utileco kaj celo de Esperanto, estis farata de la sindonema prezidanto de la *Belga Ligo*, S-ro A. Witteryck, en la urbdomo. Tiu parolado estis belega pledo, tute inda je tiel sankta kaj nobla afero : ĝi havis brilan sukceson ĉe la multnombra ĉeestantaro. Tion plene pruvis ne nur la entuziasmaj aklamoj, sed precipe la granda sukceso de la novaj kursoj starigitaj tuj poste, en la oficialaj komunumaj lernejoj, kaj farataj de la agemaj samideanoj S-roj Jules Barbe kaj Léonce Varendonck.Dudek-kvin personoj ĉeestas tiujn kursojn.

Decas danki unue nian altestimatan Urbestran Moŝton, S-ron Verdonck, la skabenojn kaj ĉiuj komunumajn konsilantojn, pro la speciala favoro, per kiu ili honoris nian movadon. Decas ankaŭ esprimi nian plej sinceran dankon al nia kara S-ro Witteryck, — al la sindonema S-ro Maertens, honora prezid anto de la *Genta Grupo*, kiu sukcesis varbi nian Urbestron kiel protektantan membron de la *Belga Ligo*, — al la afabla S-ro A. De Bruyker, prezidanto de la grupo *Espero*, la vera animo de la movado, kiu, dank' al siaj konstantaj nelacigeblaj klopodoj, akiris la oficialan multvaloran aprobon de la ĉi tieaj komumumaj administrantoj kaj la senpagan uzadon de la oficialaj lernejoj.

Tamen en gazeteto politikulaĉo provis kredigi al la enloĝantoj, ke nia afero plene malsukcesis pro la subteno de nia inda Urbestro kaj ke la kursoj kunigis nur 2 gelermantojn (anstataŭ 25). Li mokis kaj mallaŭdis nian estimatan Urbestron, pro lia simpatio al Esperanto. Unuanime la ĉi-tieaj gesamideanoj malaprobis kaj kondamnis tiun frenezan atakon. Vane oni penos, ekciti la politikajn pasiojn ĉe la soldatoj elpruvitaj de nia armeo ; ĉiam ni memoros nian nacian devizon : « Unueco donas fortecon !» Fidela Soldato.

**Ste MARIABURG.** — Sub la insida titolo *Iets over het weder* (Io pri la vetero) nia sindona samideano Bormans publikigis en *De Gazet van Ste Mariaburg* tre interesan poresperantan artikolon, pri kiu ni tre sincere lin gratulas. Johano.

---

# EKSTERLANDA KRONIKO

**ANGLUJO.** — F-ino Louise Briggs anglen tradukis la komedion de nia kunlaboranto D-ro W. Van der Biest, *Amours Espérantistes*. Tiu traduko estos baldaŭ prezentata dum propaganda koncerto en Leeds. M. P.

— Grava internacia Kongreso de medicinistoj kaj kuracistoj okazis en Londono en la Albert Halo la lastan monaton ; ĉeestis proksimume 7,500 medicinistoj, kiuj reprezentis 25 landojn, kaj oni priparolis 600 temojn. Okazis inter la kunvenoj ankaŭ esperantista kunsido prezidata de l' profesoro G. Jameson Johnston (Irlandano). Grava pritraktado estis legata de S-ro D-ro F. W. Alexander (de unu jaro esperantisto) pri sanigado per la marakvo kaj elektro. Ĉeestis ankaŭ neesperantistoj, kaj oni parolis en 6 diversaj lingvoj ! La plimulto opiniis, ke pro multeco da lingvoj oni ne povas atingi internacian komprenon kaj ke nur la nacianoj komprenas la parolanton.

En Londono oni vigle jam komencis la vintran sezonon, propagandante entuziasme kaj starigante grupojn kaj kursojn En Twickenham kursoj starigitaj dum la jaro altiris al Esperanto la atenton de l'Middlesex' a Edukada Komitato, kui, pro tio, aranĝis Esperantajn kursojn dum la ses venontaj monatoj, en la teĥnikaj lernejoj de Twickenham kaj de Harrow. Plie stariĝis nova Esperanta societo en Buckenhead, por kunigi la esperantistojn de la cirkaŭantaj regionoj. En Plymouth oni aranĝis subĉielajn propagandajn kunvenojn, sekvante la iniciaton de Dro Phizicky, kiu same faras daŭre en Londono,

Fariĝis plie esperantista edziĝo inter F-ino D. E. Bellamy, honora kasistino de la Londona klubo, kaj S. C. Jones. Ili estu feliĉaj kaj dissemu la Esperantismon !

Pli kaj pli multe la esperantistoj ŝatas la ĉiumonatan Diservon (ĝia aranĝanto estas S-ro Butler), kiu okazas en Londono, en Harcourt-preĝejo. AD. Ŝ.

**AŬSTRIO-HUNGURUJO.** — Internacia ekspozicio de esperantistoj okazis en Kladno(Bohemujo) la 15 — 26 Aŭgusto, aranĝita de la tiea Esp.-Klubo. Tiu ekspozicio, bone aranĝita, laŭ la fotografaĵoj, kiujn ni ricevis, kaj tre kompleta pri ĉiuj aplikoj de Esperanto, havis tre grandan sukceson. Multenombraj estis la vizitintoj, kaj dokumentitaj gazetartikoloj montras, ke tiu iniciato havis feliĉan rezultaton por nia afero en tiu regiono. (El *Esperanto*.)

**FRANCUJO.** — S-ro Witteryck ricevis la jenan leteron de S-ro Duviard, bofrato de la kara formortinta S-ro Carlo Bourlet :

«Sinjoro Prezidanto,

» Mia bofratino, S-ino Carlo Bourlet, ne povante pro sia sanstato, persone respondi al la multnombraj simpatielmontroj, kiujn ŝi ricevis okaze de la morto de sia edzo, komisiis min diri al vi, kiom ŝin kortuŝis la telegramo, kiun vi sendis al ŝi en via nomo kaj en tiuj de la *Belga Ligo Esperantista* kaj de la kongresanoj kuniĝintaj en Gent. Bonvolu ĉi tie trovi la esprimon de ŝia emociita danko kaj de tiu de la tuta familio ; bonvolu ankaŭ transdoni ĝin al la membroj de la B. L. E.

» Akceptu, k, t. p. FERDINAND DUVIARD. »

— La urba konsilantaro de Sotteville-lez-Rouen decidis doni la nomon Zamenhof al unu el la urbaj stratoj. La montra plato estos solene fiksata okaze de la VIIa Kongreso de la Normandaj Grupoj dum 1914. Niajn gratulojn al la progresema urbestraro (El *Esperanto*.)

**GERMANUJO.** — Oni scias, ke la urba informejo de Düsseldorf eldonis gvidlibron kun Esperanta resumo. En la jara raporto de la dirita informejo oni povas legi la jenan ateston pri la valoro de Esperanto kiel reklamilo : « ... Kian valoron internacia propagando povas havi, montras jena fakto, kiu estis sciigata dum la estrarkunveno de nia urba informejo. En la jus eldonita malgranda gvidlibro de Düsseldorf troviĝas sur la lasta paĝo mallonga priskribo de Düsseldorf en Esperanto. Apenaŭ tiu ĉi fakto estis konata, kiam venis el ĉiuj regionoj de l'tero ĉiutage demandoj pri Düsseldorf, el Rusujo, Italujo, Svisujo, Belgujo, Francujo, Hungarujo, k. t. p.» (El *Esperanto*.)

— La imperiestro Vilhelmo la IIa, kiu antaŭe ne estis amiko de Esperanto, nun fariĝis favora al nia movado. S-ro Reicher, la talentplena aktoro, kiu dum la Dresdena Kongreso, organizis prezentadon de *Ifigenio*, ricevis leteron de la ĝenerala adjudanto de l'Imperiestro, kiu enhavis interalie la jenon: « Mi transdonis al la Imperiestro la Esperantan tradukon de *Ifigenio* kaj parolis al li pri via poresperanta parolado. Mi sukcesis detrui la antaŭjuĝon de l'Imperiestro kontraŭ Esperanto kaj konvinki lin, ke Esperanto nek celas forigi la ekzistantajn lingvojn nek estas destinita ekskluzive al la romanaj popoloj. Nun la Imperiestro konsideras la enkondukon de Esperanto ne plu kiel fantaziaĵon, sed kiel aferon efektivigeblan. J. SWALF.

**RUSUJO.** — En la numero de la 12a de Septembro de la Rusa ĵurnalo *Golos Belostoka* (Voĉo de Belostok) aperis tre favora korespondaĵo pri la Esperantista Semajno de Gent, verkita de ĝia speciala korespondanto S-ro P. Georgievskij. L. A.

— La dua Tutruslanda Kongreso, okazinta en Kiev dum la Tutruslanda Ekspozicio de la 20a ĝis la 22a de Aŭgusto, havis sufiĉe grandan sukceson. Kiel prezidanto estis elektita artileria kapitano Iljaŝeviĉ (Kiev). Oni diskutis la demandojn pri instuado en lernejoj, pri propagando, kaj fondis Tutruslandan societon de esperantistoj-ĵurnalistoj. Post la Kongreso okazis sur vaporŝipo ekskurso sur la rivero Dnepr. L. A.

# BIBLIOGRAFIO

**VIII Universala Kongreso Esperantista.** — *Albumo.* — Krakow 1912.— Prezo 4 Sm.

Belega estas tiu albumo, belega memoraĵo pri la neforgesebla kongreso en Krakovo. Ĝi enhavas unue priskribon de la kongresa urbo kun ilustraĵoj, due raporton pri la kongreso mem kun fotografaĵoj de diversaj grupoj : trie la premiitojn de la literatura konkurso, belan vidaĵon de la balo, noton kun ilustraĵoj pri ĉiuj kiuj sin distingis dum la kongreso, fine la portretojn de la de la membroj de Konstanta Komitato, de la Honora Komitato kaj de la kongresanoj, kun nomoj kaj adresoj. Entute pli ol sescent fotografaĵoj en bela albumo kun tre alloga kovrilo.

Ĝi ne estos nur memoraĵo por la kongresanoj de la Oka, sed ankaŭ tiu albumo estos utila al ĉiuj esperantistoj, kiuj ĉeestas aliajn kongresojn, kaj al ĉiuj, kiuj per Esperanto korespondas tra la mondo, ĉar ĝi enhavas la fotografaĵojn de la plej eminentaj samideanoj.

Ni varme rekomendas tiun lukseldonitan albumon, kiu por propapanda celo povos esti tre honore konservata en la salonĉambro de ĉiuj samideanoj.

O. V. S.

---

# GRATULOJ

Kun ĝojo ni sciiĝas, ke nia agema samideanino S-ino Borckmans, al kiu granda parto de la sukceso de l'Kongreso de Spa estis ŝuldata, ricevis la unuaklasan civilan medalon. Niajn plej sincerajn gratulojn !

— La 10an de Septembro geedziĝis en Antwerpen S-ro Henry Le Beck kaj F-ino Florentine Ceulemans. Niaj plej sinceraj bondeziroj akompanas la junan paron !

— Ni ankaŭ tutkore gratulas Ges-ojn J. Albert-Thonnard, el Beyne-Heusay, al kiuj la cikonio alportis ĉarman filineton.

---

# NEKROLOGIO

Kun granda doloro ni devas sciigi pri la morto de S-ro

**Hendrik SCHEPMANS,**

direktoro de la Urbaj Popolaj Bibliotekoj, en Antwerpen. Li naskiĝis en Antwerpen la 21an de Julio 1845 kaj mortis la 25an de Aŭgusto 1913. — S-ro Schepmans estis sincera favoranto de nia lingvo, kaj la esperantistoj certe ne forgesos la grandan helpon, kiun li donis al la propagando por nia movado, aranĝante Esperantan sekcion (kiu nun enhavas pli ol 200 verkojn) en la Urbaj Popolaj Bibliotekoj de nia urbo, kiujn li dum multaj jaroj tiel eminente direktis.

Al la funebranta familio ni prezentas en nia nomo kaj en la nomo de ĉiuj Belgaj samideanoj niajn plej korajn kondolencesprimojn.

F. S.